**PENSEO**

*N-ro 222*

*aprilo. / 2010*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 21-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Josip Pleadin (Kroatio)



### Malkvieta Animo

Ho, vi animo fajna, delikata,
ho, vi kvieta mia amikin',
kial ĉi-nokte en horo tarda
el vi bruegas alia virin'?

Kial mi pensas pri alia
viro en regiono trans landlimo?
Kial vi tiklas mian spinon?
Ĉu bridos vin la am-kutimo?

Ho, povra vi, mi ege hontas,
mi ŝatus sveni pro la sent',
mi volus esti eta polvo,
forportu min al li la vent'.

Mi ŝatus tuŝi lian koron,
nur por moment'
nur por moment' ...
Eble revenos al vi, animo,
kviet' delikata kaj kontent'.



## Roberto Tresoldi （Italujo）



### Izolo

Krakadas la neĝo sub ŝuoj porvintraj
dum vagas mi tage tra lando senhoma
kaj vane esperas retrovi la spurojn
de amo perdita tra blovoj de l'vento.
Ŝi volis foriri al ejoj vivplenaj,
al urboj grandegaj, al homaj amasoj,
al reva iluzio, riĉo kaj lukso,
al firma laboro kaj bona asekur'...
Ĉi tie izolo, malvarma vetero,
ja bremsas la cerbon kaj blokas la movon,
sed steloj dumnoktaj kaj suno reviga
libere korektas la homajn difektojn.
Kaj fuĝis ŝi foren, serĉante la vivon,
la vokon de l' mondo ŝi varme akceptis,
forgesis ŝi tamen pri 'l tempo praava,
la tempo de l' homo ankoraŭ infana...
Pri mia estonteco ofte mi pensas,
pri neĝo abunda ĉe l' pordo de l' domo;
mi viro senlaca ŝovele laboros,
por fine solecan laŭiri la vojon.



## Cezar (Germanujo)



### Ĉu vi bluajn noktojn ŝatas?

Ĉu vi bluajn noktojn ŝatas,
kiam neĝvual' surstratas
kaj degel' kaj bototremp'?

Ĉu en frost' vi ŝatus kisojn
el somera noktkampar',
post la fajroj sentas misojn
pro perdita trista jar'?

Mi, envintre en vojaĝo
pensas pri la noktoblu'.
Se frostiĝas la pejzaĝo
revas mi pri ĝi kun ĝu'.

Ĉu en frost' vi revas kisojn
en la nokto en solec'
ĉe la fajr' de viaj misoj,
se vin kaptis frost' sen dec'?

Mi, envintre en vojaĝo
revas pri la noktoblu'.
Ĉar plej gravas la kuraĝo
serĉi amon plu kaj plu.



## Mikaelo Bronsxtejn (Rusujo)



### Printempo

Printempo alvenas ne haste,
Tremante dum frosta aŭror',
Kun ĝuo kaj kun embaras' de
Postvintra vekiĝo de l' kor'.

Printempo alvenas sentriste –
Senzorga, feliĉa fraŭlin' –
Kun bona aŭgur', kun surpriz' de
Jam tre forgesita inklin'.

Printempo alvenas tempeste –
Eksente junaĝa maten' –
Kaj mi ne scivolas pri prez' de
Diluva droniga alven'.

15.03.2010

### Al la virinoj

Amante vante, kun naivo,
Ni ĝuas vin dum nia vivo…
La vivolibron indeksante
Post retiriĝo de l' naiv',
Por tagoj dolĉaj kaj amaraj
Mi danku vin, ho miaj karaj ,
Kaj mi konfesu, vin kisante,
Ke estas ĝuste vi – la viv'.

05.03.2010



## Milton Nascimento

# Korlando

tradukis **Wel (Brazilo)**



（kanzonteksto）

En la landinterno mia
bieno estas ulo kun sindon' al grund'.
Li la ŝuldojn ŝvitplenumis,
kun zorgoj kiel se de li estus l' abund'.
De la supro de l' monteto
al vido l' verdamplekso el la terfekund'.
Ul' fiera kun gitar',
restu ŝpat' apud la ĉar'.

Blankula fil' kaj l' negreto
laŭkuras tra la vojoj por la birdetar'.
Tra l' plantejo re kaj reen
sen kreskokozorgo tamen kreske la knabpar'.
Bona fiŝ' en rivereto de akvo tiel pura
videblas, kaj l' fund'.
Historiojn ja volonte
emas la ŝvitul' rakonte.
Filo de l' mastro forvojaĝas.
Tempo de plu-studo en la granda urbo.
Iras. La okuloj tristas,
jam la kompan' vidiĝas for en la stacio.
Iam mi revenos, vin diras mi.
Malaperas la trajneto laŭ vol' de Di'.
Ĉe l' reven' jen li alia,
kun li venis virineto, oni konu ŝin.
Bela kiel hel' de luno,
kiu landinterne estas nur fascin'.
Jam nomiĝas li doktor',
kaj nun en la bieno estos la sinjor'.
Al la kora kamarado ludo nun estas... labor'.

tradukita el la portugala

## Anteo (Ĉinio)



# Virino=Suno

sen la suno,estas froste;

kun la suno,varme;

nubokovrita la ĉielo sentiĝas sufoka.

sed kiel ajn,tio ja ne estas kulpo de la suno.

klimatizilo estas komandebla,

sed ĝi multe elspezigas.

la suno estas senpaga,

sed ĝi agas nur laŭ sia plaĉo.

# Ĉineske

## Vejdo (Ĉinio)



# Aprilo

—laŭ ĉineska skemo Moyuer*

aprilo
gaze falas
kviete leĝere
kun ruĝo, verdo, flavo
birdoj enaere
fiere
pepadas
pri reviviĝ' libere
sendanĝere
viv' videblas jam
moviĝante
june surtere

aprilo
alvenas mistere
en koron pretere
geamantoj en rendvu'

korverŝas sincere
am-kvere
sub arboj
ŝajne Kupid' prefere
memofere
la gejunulojn
en ĉi tempo
ligas espere
en ĉi februar'

frideta
pluva flu'
malsekas kun alglu'
la harojn
de knabin'
atendanta lin

**Moyuer (Fiŝado): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 12 versoj de 346, 76, 3, 37, 4, 545 / 36, 6, 76, 3, 37, 4, 545 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xa,a,xa,a,xxa / xa,a,xa,a,xa,a,xxa (x=snrima)*

## Cindy Mckee (Usono)



### Sonĝo de akvoguto

—laŭ ĉineska skemo Genglouzi*

Guteto
scintilas,
silente oscilas
sur sojlo.
Sinnulo,
nur mondspegulo.

Gutego
graveda
de bildo hereda,
hezitas
ĉe falo—
ties realo.

## Eto(Ĉinio)

### Nokta pluveto

—laŭ ĉineska skemo Genglouzi

pluveto
leĝere
verŝiĝas libere
en vento
el la mar'

*Genglouzi (kanto de akva horloĝo en nokto): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po ses versoj de 33,6;33,5; / 33,6;33,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xaa,xbb / xcc,xdd (x=senrima)*



### *Fasko da Busuanzi-oj**

## Eto (Ĉinio)

### Soifa je akvo

sekeca monstro
ĉerpas el infer'
akvon en kampoj, putoj
kaj longa river'

ĝi jen turmentas
homojn en desper'
jen pelas brutojn for de
akvoriĉa sfer'

tero fendiĝas
senakvas la lag'
plantaĵoj mortas tute
frenezas la plag'

ĉi' en okuloj
videblas en svag'
homoj, brutoj soifas

en nokto kaj tag'

veter' komplicas
per senpluva lud'
dum kelke da monatoj
en la ĉina sud'

ni vere preĝas
pri graca altrud'
pri plifrua ĉesigo
de la monstra krud'

**En marto de 2010 okazas trosekeco en sudokcidenta parto de Ĉinio, senigante pli ol 20 milionojn da homoj je trinkakvo.*



## Cindy Mckee (Usono)

# Mi portus pluvon

Se mi nur povus
mi portus pluvon
al via trosekeco-
renversus kuvon.

Sed mi ne povas
sendi diluvon.
Miaj malplenaj manoj
oferas pruvon.

Amiko mia,
la koro plenas,
sed manoj kaj ĉielo
ambaŭ malplenas.

Mi levas manojn
kaj Dion ĝenas,
ke li portu la pluvon.
Nu, mi amenas.

## Eto (Ĉinio)

# Se mi estus Zeŭso

al plagita lok'
mi kun volonto
disverŝus savan pluvon
el ĉiel-fonto

ĉar mi estus reĝ'
de Olimp-monto
mi ne lasus popolon
en disaponto



## Viktoro (Ĉinio)

# Senkompata Ĉiel'

dum longa tempdaŭr'
neniu pluvgut'
sur fendiĝantan teron
falas per elŝut'

senakvas river'
sekiĝas la put'
homoj, brutoj soifas
en ĉiu minut'

palaj vizaĝoj
kaj lipoj tremaj
bezonas akvan duŝon
pro brulo prema

homoj indignas
kun sent' blasfema
ve, senkompata ĉiel'

foriru kriĝema

ne daŭros plago
kun senbrida ĝen'
nur portempas sufero
kaj sekeca scen'

homoj kuraĝe
batalu kun pen'
por liberigi nin de
vetera katen'



## Vivsava pluvo

suferas longe
pro sekec' la ter'
homoj ankaŭ sopiras
al pluv' kun esper'

plantoj kaj brutoj
vivas en danĝer'
trenas vegetadon en
sufoka mizer'

feliĉe pluvo
falas leĝere
la vivsava pluvakvo
nutras kulere

vivo revenas!
ne plu mizere
ni veas en senhelpec'
nek plu sufere



**Busuanzi (Aŭguristo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun po 4 versoj de 55, 75 silaboj kun duona rimo.*

## Eto (Ĉinio)

### Narciso

—laŭ ĉineska skemo Jianzi Mulanhua*

kiel ino
kvieta kun abstino
akvon ŝatas
la mondon fride gvatas

flavaj floroj
pompas kiel dekoroj
per aromo
regas ĉambrojn de domo

## Cezar (Germanujo)

### Morta urbo

—laŭ ĉineska skemo Jianzi Mulanhua

Robotino
sin venĝis ĝis la fino.
Ĉiuj homoj
formortis en la domoj

Urbo morta,
nur verdokresk' senvorta.
Nun formikoj
sin setlas en fabrikoj.

**Jianzi Mulanhua (Mallongigita melodio magnolia): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 4,7; 4,7 silaboj kun para rimo.*

## Lily (Ĉinio)

### La Hirundo

—laŭ ĉinesko Sopir-al-sudo*

La hirund'
sola kun sufer'

tagnokte
pensas izola:
vi neniam sentiĝu
iome senkonsola.
Ĉe mi memvola

restados
ja via nesto,
ĝis la varma sezono
revenos al ekesto
kun ĝoja festo...

Ĉi tie
ve, en aresto
alia bird' sin trovas
suferas de molesto
de l' rega pesto.

Al mi mem
vundas la dolor'
kruele senkompate,
mia patri' en ĉi hor'
ankaŭ estas for.

Senhejme
mi tagojn trenas
mizere malfacile,
mia koro eltenas
tempdaŭr' min ĝenas.

Kara bird',
renkontiĝos ni
ambaŭ en fremda lando.
Mia sopir' al naci'—
la balzam' por mi.

*adaptita el kanzonteksto tradukita de Wel*



desegnita de **Eder Benedetti (Brazilo)**

## Niuniu (Ĉinio)

# Morto de poetino

—laŭ ĉinesko Yulinling*

la poetin'
kun juna aĝ'
ĝis la vivfin'
jam laboris pene
dum tuta viv'
kun korinklin'
jen al poezio
verkis kun obstin'
serion
da poemoj
kun sublima sent-kombin'

poem-idojn post rafin'
ŝi naskis
el mensa uzin'
ilin ŝi trezoris
dorlote
kiel mem ŝin
sed, malfeliĉe
ŝin ja
mortigis heroin'
venena
la karier'
iris al ruin'

*Yulinling (tintado en pluvo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 11 kaj 12 versoj respektive de 4,44, 44,65,347 / 7,35,634,426,345 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa,xa,xxa / a,xa,xxa,xxa,xxa (x = senrima)*



## Vejdo (Ĉinio)

# Sonĝo vaganta en la koro

—laŭ ĉineska skemo Yexingchuan*

sonĝo fulmas en la kor'
tra jaroj
el fremda for'
sed nur fraŭlin'
en mia sonĝ'
rolas kiel aktor'

sublune ĉe lekantflor'
rigardas
mi en lunglor'
ŝian korpon
seksallogan
mi miras kun ador'

en lagakvo de aŭtun'
ni naĝas
nure en kun'
en okuloj
niaj ĉio
fariĝas nulo nun

neste en mia brakum'
ŝi ĝemas
kun dolĉa zum'
ni sentas nin
ebriiĝa
en feliĉa fortun'

jen en arbara kviet'
ni kveras
ĉe nokt-retret'
mi deklaras
amon al ŝi
per firma ĵur-ripet'

ŝi jam kun voĉa falset'
ekflustras
per buŝ-almet'
"mi vin amas"
malkaŝante
vualon de sekret'

nun falas neĝo frida
flirtanta
kun insida
blanka reto
ŝi foriras
kun mien' malfida

en sopiro senbrida
mi tamen
am-avida
la esperon
kovas ĉiam
kun koro konfida

*Yexingchuan (nokta ŝipvojaĝo): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

## Anatole France (1844-1924)



# Domserva ŝtelo

Antaŭ proksimume dek jaroj, ĉu pli, ĉu malpli, mi vizitis porvirinan malliberejon. Ĝi estis malnova kastelo konstruita en la reĝado de Henriko la 4-a, kies altaj ardeztegmentoj superis sombran sudan urbeton ĉe riverbordo. Tiea malliberejestro estis tuj atingonta emeritaĝon; li havis nigran perukon kaj blankan barbon. Li estis eksterordinara direktoro. Li pensis per si mem, kaj havis humanajn sentojn. Li ne iluziiĝis pri la moraleco de siaj tricent kunloĝantoj, sed li ne taksis ĝin iomege sub la moraleco de tri cent hazarde elektitaj virinoj el la urbo.

"Ĉi tie estas ĉiaj ajn homoj, kiel aliloke;" li ŝajnis diri min per sia dolĉa kaj laca rigardo. Kiam ni trairis la korton, longa vico da kaptitoj finis la silentan promenadon kaj reiris laborejen. Estis multaj maljunulinoj, kun krudaj kaj nefidindaj mienoj. Mia amiko Doktoro Cabane, kiu akompanis nin rimarkigis min ke preskaŭ ĉiuj tiuj virinoj havis karakterizajn difektojn, ke strabismo oftis ĉe ili, ke estis degenerintoj, kaj multaj el ili estis markitaj de stigmatoj de krimo aŭ almenaŭ de delikto.

La direktoro malvigle skuis sian kapon. Mi ja vidis ke li ne estas tre atingebla de la teorioj de la kriminalistaj medicinistoj, kaj li daŭre opiniis, ke en nia socio kulpuloj ne ĉiam malsimilegas senkulpulojn.

Li kondukis nin en la laborejojn. Ni vidis laborantajn panistinojn, lavistinojn, tolaĵistinojn. Laboro kaj puro preskaŭ ĝojigetis la lokon.

La direktoro bonece pritraktis ĉiujn tiujn virinojn. La plej stultaj kaj la plej malicaj nek senpaciencigis nek senbonkorigis lin. Li opiniis ke oni devas multe toleri de kunvivantoj, ke oni ne devas tro peti eĉ de deliktintoj kaj krimuloj; kaj, malkiel kutime, li ne postulis de ŝtelistoj kaj fiperantinoj, ke ili estu perfektaj ĉar ili estis punitaj. Li ne vere kredis je la morala efiko de punoj, kaj li malesperis transformi prizonon en virtolernejon. Ne opiniante, ke oni plibonigas homojn per suferigoj, li plejeble evitigis suferojn al tiuj kompatindaj virinoj. Mi ne scias ĉu li havis religiajn sentojn, sed li ne donis ian ajn moralan signifon al la pekokompensa ideo.

“Mi interpretas la regularon, li diris al mi, antaŭ ol apliki ĝin. Mi mem klarigas ĝin al la malliberuloj. Ekzemple la regularo postulas absolutan silenton. Tamen, se ili absolute silentus, ĉiuj freneziĝus aŭ stultiĝus. Mi pensas, mi ja devas pensi, ke ne tion postulas la regularo. Mi diras al ili: “La regularo ordonas ke vi silentu. Kion tio signifas? Tio signifas ke la gardistinoj ne aŭdu vin. Se iu aŭdos vin, vi estos punataj, se neniu aŭdos vin, neniu riproĉos. Mi ne devas pridemandi viajn pensojn. Se viaj paroloj ne pli bruas ol viaj pensoj, mi ne devas pridemandi viajn parolojn.” Tiel avertitaj ili klopodas paroli kvazaŭ sen elirigi sonojn. Ili ne freneziĝas kaj la regulo estas sekvata.”

Mi demandis al li ĉu la hierarkiaj superuloj aprobas tian interpreton de la regularo.

Li respondis ke la inspektistoj ofte riproĉis al li; tiam li kondukis ilin ĝis la ĉefpordo, kaj diris: “Vidu tiun kradon, ligna ĝi estas. Se oni tie enŝlosus virojn, post ok tagoj neniu plu restus. Virinoj ne pensas pri eskapo. Sed pli singarde estas ne furiozigi ilin. La prizona reĝimo mem ja ne tre favoras ilian somatan kaj mensan sanon. Mi ne plu prizorgos gardi ilin, se vi trudos al ili la torturon de silento.”

La flegejo kaj dormejoj, kiujn ni poste vizitis, lokiĝis en grandaj kalkoblankigitaj ĉambroj, kiuj plu konservis de pasinta splendo nur grandegajn grizŝtonajn nigromarmorajn

kamenojn superigitajn per pompaj plenreliefaj Virtoj. Justico, skulptita en proksimume 1600 far ia italinfluita flandra artisto, kun nuda brusto kaj femuro ekster la fendita tuniko, tenis per grasa brako siajn frenezigitajn pesilojn, kies teleroj tintadis kvazaŭ cimbaloj. Tiu diino direktis sian glavpinton al malsanulineto kuŝanta sur fera lito kaj matraco tiel maldika kiel faldita tuko. Ŝi aspektis same kiel infano.

“Nu, ĉu pli bone? Demandis Doktoro Cabane.

—Oh ! Jes sinjoro, ja pli bone.”

Kaj ŝi ridetis.

“Hej ! Ne petolu, kaj vi resaniĝos.”

Ŝi rigardis la kuraciston per grandaj okuloj plenaj de ĝojo kaj espero.

“Fakte, tiu etulino, ŝi estis tre malsana,” diris Doktoro Cabane.

Kaj ni pluiris.

“Pro kiu delikto, ŝi estis kondamnita?

—Ne pro delikto, pro krimo.

—Ha!

—Infanmortigo.”

Ĉe la fino de longa koridoro, ni eniris gajetan ŝrankoplenan ĉambreton, kies senkradaj fenestroj rigardis al la kamparo. Tie, junulino, belega, skribis ĉe skribotablo. Apud ŝi staranta belkorpa aliulino serĉis ŝlosilon en ŝlosilaro pendanta de ŝia zono. Mi volonte kredus ke ili estus la filinoj de la direktoro. Li informis min ke ili estas du malliberulinoj.

“Ĉu vi ne vidis ke ili havas la ĉidoman kostumon?”

Mi ne tion rimarkis ĉar ili ne portis ĝin same kiel la aliuloj.

“Iliaj roboj estas pli taŭgaj, kaj iliaj pli etaj kufoj videbligas la hararon.

—Fakte diris la maljuna direktoro, estas ja malfacile malhelpi virinon montri sian hararon, kiam ĝi belas. Tiuj ĉi estas sub la komuna reĝimo kaj devas labori.

—Kion ili faras?

—Unu estas arkivisto, la alia bibliotekisto. ”

Ne indis demandi: ambaŭ estis “propasiaj”. La direktoro ne kaŝis al ni, ke al deliktulinoj li preferis la krimulinojn.

“Mi konas iujn, li diris, kiuj estas kvazaŭ fremdaj al siaj krimoj. Estis fulmo en ilia vivo. Ili kapablas rektecon, kuraĝon kaj donacemon. Mi ne samdirus pri miaj ŝtelistinoj. Iliaj deliktoj, cetere trivialaj kaj vulgaraj, teksas iliajn vivojn. Ili estas nekorekteblaj. Kaj tia malnobleco, kiu farigis al ili riproĉendajn agojn, ĉiam troviĝas en ilia konduto. La puno, kiu trafis ilin estas iom malgrava, kaj, ĉar ili estas korpe kaj morale iom nesensivaj, ili eltenas ĝin plejofte kun facileco.

“Ne dirende, li vigle pludiris, ke tiuj malfeliĉulinoj indus nek kompaton nek intereson. Ju pli mi vivas des pli mi konscias ke ne ekzistas kulpuloj, kaj ekzistas nur malfeliĉuloj. “

Li enirigis nin en sian kabineton, kaj ordonis al gardisto venigi la prizonulon 503.

“Mi tuj vidigis al vi spektaklon, kiun mi ne preparis, kredu min, kaj kiu certe inspiros al vi

novajn pripensojn pri deliktoj kaj punoj. Tion, kion vi vidos kaj aŭdos, mi jam vidis kaj aŭdis centfoje."

Malliberulino kun gardistino eniris la kabineton. Ŝi estis juna kamparanino sufiĉe bela, kun milda simpla ĝentila mieno.

"Mi havas por vi bonan novaĵon, diris la direktoro. La moŝta Prezidanto de la respubliko, sciigita pri via bonkonduto, forviŝas la ceteron de via puno. Vi eliros ĉisabate."

Ŝi aŭskultis gapante kun la manoj sur la ventro. Sed la ideoj ne rapide enkapiĝis en ŝi.

"Vi eliros venontan sabaton el tiu domo. Vi estos libera."

Ĉifoje ŝi komprenis, ŝiaj manoj leviĝis pro angorplena gesto, ŝiaj lipoj ektremis:

"Ĉu vere mi devos foriri? Tiam kio mi iĝos? Ĉi tie mi estis nutrita, vestita kaj ĉio. Ĉu vi ne povus diri al tiu bona sinjoro, ke estus pli bone se mi restus tie, kie mi estas ? "

La direktoro rediris al ŝi ke ŝi ne povas rifuzi la pardonon, kiu estis donacita al ŝi, kaj li informis, ke ŝi ricevos ian monsumon je ŝia foriro, dek aŭ dekdu frankojn.

Ŝi eliris plorante.

Mi demandis tion, pri kio tiu ĉi kulpis. Li foliumis registron :

"503. Ŝi estis servistino ĉe terkultivistoj…Ŝi ŝtelis subjupon de siaj mastro… Domserva ŝtelo…Vi scias, la leĝo severe punas domservan ŝtelon."

Tradukis **la Liona loka klubo CERL (Francio)**

## *Tri Fabloj de Liu Zongyuan**

Elĉinigis **Minosun (Ĉinio)**



### Cervo en Linjiang

En Linjiang estis homo, kiu ĉaskaptis cervidon kaj volis ĝin bredi. Kiam li eniris kun la ĉasito en la domon, la hundoj ĉiuj kuris renkonte al li, salivantaj, kun svingantaj vostoj. Li koleris kontraŭ ili minacamiene. Ekde tiu tago li ofte alproksimigis al la hundoj la cervidon en siaj brakoj, por ke ili kutimiĝu al ĝi en amika etoso kaj iom poste ludu kun ĝi. Longan tempon poste la domhundoj kondutis tiel kiel la homo deziris. La cervido kreskis iom pli aĝe kaj forgesis sian specion, konvinkite, ke la hundo estas ja amika al ĝi. La cervo agis des pli senskrupule kaj eĉ batludis laŭplaĉe inter la dombestoj. Ili timis la mastron, ne aŭdacante ĝin mistrakti; sed de tempo al tempo ili lekigis sian langon laŭlipe.

Unu tagon post tri jaroj la cervo eliris. Ĝi vidis multajn fremdajn hundojn sur la vojo, dezirante iri al ili por sin ludamuzi. Ĝia aliro igis la hundojn kaj ĝojaj kaj koleraj, kaj ili kune murdis kaj formanĝis la cervon. La restaĵo videblis en dispecoj sur la vojo.

La cervo, ĝismorte, ne reprudentiĝis.



### Azeno en Guizhou

Origine ne estis azeno en Guizhou, sed enmiksiĝemulo transportis tien unu perŝipe. Ĉar ĝia ĉeesto utilis al nenio, do oni metis ĝin pieden de monto. Tigro vidis ĝin tiel mamuta,

pensante ke ĝi estas ia sankta estaĵo. Sin kaŝinte inter arbedoj la voremulo gvatis la sanktestaĵon. Kelkajn momentojn poste ĝi eliris proksimen iom al la mamutulo, tre singarde, sed ne povis ekkoni, kio ĝi estas. Alian tagon la azeno eligis iaon, la tigro, surprizite, forkuris malproksimen, supozante ke la giganto ĝin voros. Sed de ĉiu flanko ĉirkaŭrigardante la sanktulon, la tigro trovis en ĝi nenian apartan potencon. Kvankam iom post iom kutimiĝi al la iao kaj pli kaj pli proksimiĝi al la ia-faranto, tamen la rabobesto ankoraŭ ne aŭdacis ĝin preni. La tigro denove provis iri al ĝi, des pli ofende, por taŭzi ĝin per siaj kapo kaj korpo; la azeno ne povis sin reteni kaj hufbatis la ofendinton. Sed tio ja ĝojigis la tigron, ke tiu pensis: "La forto, nur da tiom!" La tigro eksaltis rorante, tordrompis la gorĝon de la predo, formanĝis la tutan karnon, kaj foriris.

Ho ve! Se la azeno, mamuta en formo, kvazaŭ sanktulo, kaj grandioza en iaado, kiel fortulo, ne montrus sian misteron, la tigro, kvankam potenca, ne aŭdacus ĝin preni. Sed la sekvo ne estas veinda?

## Musoj de Sinjoro Ikso en Yongzhou

En Yongzhou estis sinjoro Ikso, kiu timplene respektis la tempon. Ĉar li naskiĝis en la jaro de la Rato, tial, laŭ li, la jaro estis Ratodio, kaj li amis musojn. Ikso bredis ne katon nek hundon, kaj cetere, bati muson estas malpermesite al knaboservisto; ĉie, ĉu en grentenejo, ĉu en kuirejo, la musoj agis arbitre kaj dorlotite.

La musoj komunikis la aferon unu al alia, kaj ĉiuj informitoj venis en la hejmon de sinjoro Ikso. Ili satis tie, sed sen ia danĝero. Sed neniu el la mebloj en la domo de Ikso estis ne difektita, neniu el la vestoj sur rako estis ne ĉifonigita, kaj la manĝaĵoj ĉiuj estis restigitaj de la musoj. Tage la musoj iris unu tuj post alia paralele kun homo, dum nokte pene ronĝis kaj kruele mordbatis inter si --- la bruoj sonis tiel terure, ke la sinjoro ne povus endormiĝi, tamen li lasis ilin en tio.

Kelkajn jarojn poste sinjoro Ikso sin transloĝigis en alian gubernion. La nova venanto ekloĝis en la domo, sed la musoj agis ankoraŭ kiel antaŭe. Li diris: "Tiuj ĉi estas abomenindaĵoj el la infero, eĉ pli senbridaj; sed kiel la afero fariĝis tia, kia ĝi nun estas?" Li do pruntis kvin aŭ ses katojn, fermis la pordon, forigis la tegolojn, enverŝis akvon en la musotruojn, kaj krome, mon-instigis knaboservistojn kapti la musojn perrete. La mortigitaj musoj amasiĝis kiel altteraĵo, forĵetitaj en iu izolita angulo, kaj la fetoro malaperis nur post kelkaj monatoj.

Ho ve! La musoj insistis pri tio, ke ilia sata kaj sendanĝera vivo povos esti porĉiama.

**Liu Zongyuan(773-819), ĉina literaturisto kaj filozofo.*

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St., Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Retadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm aŭ
http://gazetejo.org/eo/penseo
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊